# Boletín

Bulteno de Hispana Esperanto-Federacio
Aperanta de 1949
Numero 389

**Redakto-skipo**

Direktado: Juanjo Vera

Kompostado: Jorge Pavón

Revizio: Miguel Hernández, Jesus García Cano

bulteno(ĉe)esperanto.es

*Pri la enhavo de la artikoloj respondecas nur la respektivaj aŭtoroj

*La redakcio rajtas rifuzi nepetitajn artikolojn



Hispana Esperanto Federacio

Federación Española de Esperanto

Rodríguez San Pedro 13, 3º, 7

ES-28015 Madrid

Deĵorhoraro: nuntempe ni ne povas havi fiksan deĵorhoraron, do bv. se vi bezonas kontakti kun HEF, lasu vian mesaĝon rete (admin(ĉe)esperanto.es) aŭ telefone (914468079) kaj ni traktos vian aferon poste

Konto en BBVA: 0182-1252 -31-0 04011961



Kara gelegantoj,

Post la demisio de nia lasta redaktisto, Ángel Arquillos, alvenis malbona kaj grava momento por Boletín. Spite al la serĉado farita en la informmedioj de la Federacio, ni ne tuj trovis anstataŭulon por la posteno, kio kondukis al la malfruo en la apero de ĉi tiu numero.

Tamen, finfine, formiĝis nova skipo por eldoni Boletín kaj jen la resulto. Espereble ĝi plenumos kaj la enhavon kaj la kvaliton deziritaj de niaj karaj legantoj.

Krom nova skipo, ankaŭ aperis nova labormetodo. Nun ekzistas la jenaj postenoj por la eldonado de Boletín:

- Redaktisto: Juanjo Vera Martín

- Kompostisto: Jorge Pavón

-Korektistoj: Miguel Hernández, Jesús García Cano, ktp

Tiel la laboro ne fariĝas peza por ĉiuj la membroj de la skipo kaj ni esperas atingi tiel pli bonan laborefikecon.

Kiel ĉiam, ni esperas la kunlaboremon, ĉu per kritikoj, ĉu per informoj, ĉu per artikoloj aŭ kian ajn kunlaboron vi, kara leganto, taksos taŭga. Por tiu celo, ni memorigas al vi nian adreson:

bulteno(ĉe)esperanto.es

Amike,

la skipo

Kovrila foto: "Konkero" de la monto Abantos, San Lorenzo de El Escorial

## Letero al la redakcio:

### Cenzurema redaktisto

En la n-ro 388 de Boletín (julio-septembro 2009) publikiĝis mia unupaĝa reago al pli frua 4-paĝa “artikolo” de Andrés Martín. Bedaŭrinde, la tiama ĉefredaktanto de Boletín, Ángel Arquillos López, parte cenzuris mian tekston. Unue, la originala titolo “Ekstravaganca ‘Civito’ ” estis ŝanĝita al “Letero al la redakcio”, pri kio mi ne estis konsultita. Due, li forigis jenajn plurajn ligilojn al retejoj pri la temo troveblajn fine de mia artikoleto, kontraŭ mia eksplicita deziro, ke ili restu:

http://www.liberafolio.org/2007/manipulistoj

http://esperanto.net/literaturo/roman/camacho.html (kie troveblas miaj jam “klasikaj” verkoj pri la paro Silfer-Martinelli)

http://jorgecice.blogspot.com/

(mia esperanta blogo)

Fine, ne malpli malnoble sed des pli malelegante, li aldonis respondan tekston, laŭ la enhavo kaj stilo plej probable verkitan de Martinelli aŭ Silfer (“kiu al sia granda klereco aldonas fluan posedon de la kastilia lingvo”).

Jorge Camacho

# Protokolo Estrarkunveno de HEF 2009-09-19

Loko: Oficejo de HEF

Partoprenantoj: Pedro Hernández, Raúl Martínez, Juan Trenado kaj Félix M. Jiménez.

1**. Konkludoj pri la lasta kongreso kaj strategio por la venontaj.**

➢Kvankam la Hispana Kongreso 2009 en Malago pasis tre sukcese, evidentiĝis grava manko de kontakto inter la estraro de HEF kaj la LKK. Tiucele, la Estraro proponas havi homon kiel kunordiganton de la kongresoj. Lia celo estos teni konstantan komunikadon kaj kontrolon kun la LKK kaj informi la Estraron okaze de problemoj, bezonoj, ktp. Tiamaniere, la estraro povas eviti neatenditajn problemojn kaj certi ke ĉio funkcias glate sen ĝia enmiksiĝo. Oni proponas Alejandro Pareja, kiu fakte jam laboras kun la organizantoj de la estonta kongreso.

**2. Problemo kun la Civito kaj oficiala deklaro de la Estraro**

➢Ĉar evidentiĝas finfine problemoj pro la partoprenado en Malago de homoj apartenantaj al la Civito, la Estraro decidas fari la jenan deklaron:

1)La Estraro de la Hispana Esperanto Federacio deklaras, ke HEF havas neniun oficialan rilaton aŭ kontakton kun la Esperanta Civito, kaj ne intencas havi ilin estonte.

2)La Esperanta Civito reprezentas ekskluzive siajn proprajn membrojn. HEF agnoskas al la Esperanta Civito neniun rajton paroli nome de, aŭ reprezenti la esperantistaron, krom siajn proprajn membrojn.

3)HEF estas la landa asocio de UEA en Hispanio. Tial, HEF defendas kaj defendos la interesojn kaj agadon de UEA. HEF agnoskas nur la ekzamenojn laŭ la Eŭropa Referenckadro organizatajn de UEA kaj ILEI, kaj kunlaboros nur en la organizado en la teritorio de Hispanio de tiuj ekzamenoj far UEA kaj ILEI.

**3. Kreado de ILEI-sekcio en Hispanio**

➢Pedro komentas, ke Augusto Casquero klopodis kelkfoje starigi hispanan sekcion de ILEI sensukcese. Plurfoje li prezentis liston de ILEI-anoj al ILEI, sed ĝi ne estis agnoskita. Dum la pasinta REF Pedro povis paroli kun la antaŭa prezidanto de ILEI, kiu klarigis al li la formalaĵojn necesajn, kiujn Augusto ne plenumis. Pro tio, Pedro proponis al Augusto, ke li okupiĝu mem. ILEI tre interesiĝas pri la starigo de nia sekcio, kaj esperas, ke okazos neniu kontraŭstaro flanke de la jam ekzistanta kataluna sekcio de ILEI. La ĉefaj formalajoj estas protokolo de kunveno, subskribita de almenaŭ kvin membroj de ILEI, kaj nomo de prezidanto, kiu devas esti membro de ILEI almenaŭ dum la du pasintaj jaroj. Pro tio, oni proponas la jenan agadon:

1)Scii kiuj estas la pagantaj membroj de ILEI en Hispanio.

2)Serĉi kaj proponi iu el ili por esti Prezidanto de la Hispana sekcio

**4. Rilatoj kun MEL**

➢La estraro nun ne bone konas la situacion de MEL rilate al la pago por la uzado de la oficejo de HEF. Nun ne estas bona momento pro la krizo de la madrida loka asocio. Oni proponus al MEL iĝi la regiona (ne nur loka)

asocio de Madrido, sed por tio necesas ke la madridaj junuloj engaĝigu kaj akceptu respondecojn en ĝi, kaj ankaŭ verŝajne necesos ion ŝanĝi en la statuso. Ŝajne, MEL havas bonan financan situacion, tial necesas nur nova estraro, deziderinde juna, kaj novaj celoj. Kompreneble, tio ja estas afero de MEL, ne de HEF, sed HEF povus proponi kaj subteni.

**5. Estonta funkciado de Boletin**

➢La afero estas kiel eviti laŭvicajn bruliĝojn de la redaktoroj. Por tio oni proponas la jenon:

1)Anstataŭ unu redaktoro, havi redaktoran skipon, kiu kundividos la taskojn. Ekz. Alejandro Pareja plu okupiĝos pri la korektado, alia homo okupiĝos nur pri la kompostado, kaj alia, respondecus pri la kolektado de materialoj.

2)Por garantii la konstantan fluon de materialoj, oni proponas krei konstantajn sekciojn, pri kiuj zorgos konkretaj homoj..

**6. Deĵorado ekde oktobro**

➢El la dua semajno de septembro Félix deĵoras jaŭde vespere 18:30-20:00 pli malpli. Pro eventualaj laboraj aferoj, li ne povas certigi ĉeesti ĉiam tiel, do, kiam li ne povos, antaŭaverti por klopodi trovi anastataŭlon.

**7.- Kiel protekti la valoraĵojn de la biblioteko (okaze de brulego, ktp).**

Pedro iomete parolis kun Ana pri la afero, okaze de la brulego okazinta julie. Eventuala solvo estus skani la plej valorajn materialojn iom post iom, por eventuala konsultado, kaj gardi la originalojn en pli sekura loko. Kie? Ne sciite. La bonan solvon ni ne trovas nune. Oni petos sugestojn al la anaro.

**8. Federaligo. Analizo de la finanza flanko de kreado de regionaj organizoj.**

➢La ideala estonta sistemo estus ke en ĉiu regiono ekzistu regiona asocio, kiu zorgos pri la funkciado de lokaj kluboj, kaj ke tiuj regionaj asocioj havu sian kotizon, kaj pagu laŭ la nombro da membroj por kovri la elspezoj de HEF, kaj HEF ne plu havos individuajn membrojn, sed nur la koncernajn regionajn asociojn.

➢Sed nun, ĝis kiam la sistemo estos tute finita, ne eblus postuli ke homoj pagu kotizojn al HEF, al la regionaj asocioj kaj al la kluboj samtempe. Pro tio, oni pensas ke komence, tiuj novkreotaj ne havu kotizojn, kaj ke finance ilin subtenu HEF laŭeble kaj per konkretaj kolektadoj da mono por konkretaj celoj aŭ projektoj.

**9. Federaligo. Ĉu ni komencu per Castilla Leon?**

➢Pedro jam parolis pri la afero kun Rodrigo kaj Rafaela el Valadolido, kaj ŝajne la ideo estas matura. Krome, dum la kongreso kaj pere de la reto, oni havas diversajn kontaktojn en multaj provincoj. Do, estus bona sperto. Krome, ĉar Raul havas la sperton pri kreado de sia asocio en Castilla La Mancha, oni proponas ke li kunordigu tiujn aferojn.

**10. Eventualaj vizitoj al la lokaj grupoj.**

➢Tion Iturrioz rekomendis al Pedro, kaj la estraro opinias ke estas bona ideo. Pedro povus iri sola, aŭ kun iu alia, celante, laŭ eble, viziti unu aŭ du klubojn proksimajn

dum unu semajnfino, kaj profiti koni la veran situacion por proponi la kreadon de regionaj asocioj. La ideo estas laŭeble pagi la vojaĝojn el la poŝo de la vojaĝantoj, tranokti ĉe esperantistoj, ktp., por eviti elspezojn al HEF.

**11. Kandidatiĝo de Madrido por la UK 2013**

➢Diversaj membroj de la estraro de UEA, ĉefe José Antonio Vergara, instigis al Pedro rekandidatiĝi por tiu jaro. Interalie, la avantaĝo estas, ke nun ni havas sufiĉe da tempo por bone organizi la proponon. Pedro proponis la ideon al la Urbodomo, kaj ili donas tutan sian apogon kaj servojn por denove kandidatiĝi por 2013. Do, la estraro proponas antaŭeniri.

**12. Kandidatiĝo por SAT Kongreso venontan someron.**

➢Pedro ricevis tiun proponon de SAT kaj, verdire, estas pli facile ol organizi Hispanan Kongreson. Provizore Manolo Pancorbo jam esploras eventualajn studenthejmojn kun kongresejo por studi prezojn kaj eblecojn, por poste proponi al SAT. Pedro jam avertis, ke HEF eventuale povas helpi kaj subteni, sed aliaj homoj ekster la estraro devas "tiri la ĉaron", ĉar ni ne havas tro da fortoj.

**13. Malfermeco de la estrarkunsidoj**

➢La antaŭa estraro havis la kutimon fari la estrarkunsidojn malfermajn, tiel, oni sendis la tagordojn al konkretaj homoj aŭ al listo, por ke tiuj, kiuj volas, partoprenu. Oni proponas la samon por venontaj kunsidoj.

**14. Decido pri la ligiloj de asocioj ne apartenantaj al HEF en la HEF-retpaĝo**

➢La estraro decidas, ke neniu ligilo al asocioj ne apartenantaj al HEF devas aperi en la HEF-retpaĝo. Do, oni petos la malaperon de la ekzistantaj, kaj oni proponos al la asocioj apartenantaj al HEF havi propran paĝon pere de tiu de HEF. Juan Trenado zorgos pri tio.

**15. Demisio de Ángel Arquillos**

➢La Estraro akceptas la demision de Ángel, okazinta ĵus antaŭ la hodiaua kunsido kaj provokita, laŭ Ángel por la punkto de la tagordo rilate al la deklaro de HEF pri la Esperanta Civito. La estraro bedaŭras la miskomprenon inter li kaj la aliaj estraranoj, afero pri kiu la estraro sendos leteron al Ángel.

La sekretario Félix Lobo

Ciferecigo

Ana Manero kaj Miguel Ángel Sancho komencis ambician projekton por bitigo de revuoj de praa Hispana Esperanto-Federacio, pro la malbona stato de tiuj originaloj, kaj kreis skipon por plenumi tiun laboron. Post kelkaj monatoj la skipo finis la unuan fazon. Nun komenciĝas la dua fazo, por bitigi la librigitajn revuojn de la biblioteko de HEF. Por tiu celo la estraro decidis aĉeti specialan skan-ilon, kiu permesos daŭrigi la bitigon kaj protekti la plej delikatajn revuojn.

## Asamblea General Ordinaria

El Presidente les invita a asistir a la Asamblea General Ordinaria, que tendrá lugar el jueves 13 de mayo de 2010, a las 18:00 horas (a las 18:30 en segunda convocatoria) en las oficinas de la asociación, calle Rodríguez San Pedro, 13, 3º, 7, Madrid, con el siguiente orden del día:

1.- Aprobación de las cuentas y Tesorería del 2009.

2.- Aprobación de la Memoria de actividades de 2009.

3.- Aprobación del Presupuesto para 2010.

4.- Ruegos y preguntas.

IMPORTANTE: Los miembros de la Federación que deseen ser representados por algún otro socio, por favor que envíen un mensaje comunicándolo, indicando claramente el nombre completo del representante y representado, al buzón electrónico admin@esperanto.es, o bien por correo postal a las oficinas de la asociación, antes del 13 de mayo.

El Presidente de HEF

Pedro Hernández

## Ordinara Ĝenerala Kunsido

La Prezidanto alvokas vin ĉeesti Ordinaran Ĝeneralan Kunsidon, kiu okazos la 13-an de majo de 2010 (ĵaŭde), je la 18:00 horo (je la 18:30 horo dua alvoko), en la oficejo de la asocio, strato Rodríguez San Pedro, 13, 3º, 7, Madrido, laŭ la jena tagordo:

1.- Aprobo de la kontoj kaj kas-stato de 2009.

2.- Aprobo de la Raporto pri aktivaĵoj de 2009.

3.- Aprobo de la Buĝeto por 2010.

4.- Sugestoj kaj demandoj.

GRAVA RIMARKO: La membroj de HEF, kiuj deziras esti reprezentataj fare de iu alia membro, bonvolu transdoni mesaĝon informante pri tio, klare indikante la kompleta nomo de la reprezentanto kaj de la reprezentato, al HEFa retpoŝta adreso admin@esperanto.es, aŭ per ordinara poŝto al la oficejon de la asocio, antau la 13a de majo.

La Prezidanto de HEF

Pedro Hernández

# Raporto pri aktivaĵoj 2009

**1. Administrado**

1.1. La Prezidanto Arturo Jiménez demisiis kaj oni elektis novan, Pedro Hernández. Ankaŭ demisiis la redaktoro de "Boletín" Ángel Arquillos.

1.2. HEF petis du subvenciojn al "Ministerio de Cultura" dum 2009 danke al la laboro de Toño del Barrio kaj Juan Trenado, kiuj preparis la projektojn (temis pri eldonado de libroj, helpo por ekspozicioj, ktp.), sed ambaŭ du estis rifuzitaj.

**2. Perioda eldonado**

2.1. Oni eldonis tri numerojn de "Boletín".

**3. Kongresoj, renkontiĝoj, asocioj.**

3.1. HEJS (Junulara Sekcio) kunorganizis IRo-09 en Porto (Portugalio) kune kun PEJ (Portugala Esperanto Junularo) kaj KEJ (Kataluna Esperanto Junularo), 6a-8a marto.

3.2. Valencia Esperanto Federacio organizis kongreson inter la 27a kaj la 28a de junio en Cheste (Valencio). Partoprenis kelkajn membroj de HEF.

3.3. Astura Esperanto Asocio fariĝis centjara en junio de 2009.

3.4. Organizado de la 68a Hispana Kongreso de Esperanto en Malago. De la 2a ĝis la 5an de julio.

3.5. Semajnfina renkontiĝo en Ruidera (Ciudad Real) organizita de HEJS kaj EMAS (Esperanto Manĉa Asocio), meze de julio.

3.6. Membroj de HEF partoprenis en la 94-a UK en Bialystok (Pollando), inter la 25a de julio kaj la 1-a de aŭgusto. Augusto Casquero estis Komitatano A, kiu reprezentis al HEF en UEA. Dum la Kongreso okazis ekzamenoj pri e-o laŭ la Eŭropa Referenckadro (la nuraj oficiale agnoskitaj), Pedro Hernández ricevis la atestilon post ekzameniĝi sukcese.

3.7. Pedro Hernández kaj lia familio partoprenis en REF (Renkonto de Esperantaj Familioj) en Hungario komence de aŭgusto.

3.8. HEF oficiale prezentis Madridon kiel kongresurbon por la UK 2011, danke al la rekta peto kaj materiala helpo de la madrida Urbestraro por organizi ĝin, sed finfine UEA elektis Kopenhagon. La elektado okazis dum la UK2009 en Byalistok.

3.9. Internacia Esperanto-Semajno de la Kulturo kaj Turismo en Pineda del Mar (Barcelono), inter la 3a kaj la 1a de oktobro, organizita de Kultura Asocio Esperantista.

3.10. Du membroj (Angelita Sanz kaj Augusto Casquero) partoprenis en la 42-a Konferenco de ILEI en Krakovo (Pollando).

3.11. Galegaj esperantistoj kunvenis decembre en Santiago de Compostela por pritakti la refondon de Galega Esperanto Asocio profitante la okazaĵon de la HK2010 en tiu urbo.

**4. Kursoj**

4.1. Perkoresponda-interreta kurso.

4.2. Membroj de HEF gvidis kursojn en kelkaj urboj tra la tuta hispanio.

**5. Kunlaboro kun oficialaj instancoj kaj privatuloj**

5.1. HEF regule sendas la jarraporton al la Hispana Komitato pro kunlaboro kun UNESKO.

**6. Disvastigo**

6.1. Augusto Casquero dum 2009 daŭre instruis e-on kaj la hispanan en altlernejo de la provinco de Guangdong, Ĉinio.

6.2. José María Salguero kaj Alejandro Pareja (anoj de HEF), kune kun Malaga E-Asocio helpis du slovenajn esperantistojn, loĝantaj en Hispanio, por organizi E-ekspozicion en Punta Umbria (Huelva), laŭ aŭspico de la Urbestraro kaj de Slovena Asocio por la Internacia Lingvo, dum februaro de 2009.

6.3. HEF helpis al Madrida Esperanto –Liceo por organizi la Forumon "Esperanto y Zamenhof, desafío a Babel", dum 25-26 aprilo en Kultura Centro en Madrido. Prelegis Juan del Castillo, Jorge Camacho, Pedro Zurita kaj Toño del Barrio, kantis korusoj "Verda Stelo" kaj "Esperanto", kaj estis ankaŭ ekspozicio de E-libroj.

6.4. Manolo Pancorbo organizis esperanto-budon en librofoiro en Galapagar (Madrido), aprilo la 25an.

6.5. Abel Montagut partopernis en la Poezia Festivalo de Palma de Mallorca en junio pere de poemoj en esperanto.

6.6. Okaze de loka foiro en Vélez-Málaga, Esperanta Klubo Aksarkio organizis budon por montri la ekziston de la asocio kaj disvastigi e-on, samtempe ol la vizitantoj ĝuis andaluziajn manĝaĵojn kaj trinkaĵojn.

6.7. Pedro Hernández (nuna Prezidanto de HEF) kaj Kultura Asocio Esperantista (membro de HEF) kontribuis al la kunmemorado de la 100-a datreveno de la UK de Barcelono, organizita de Kataluna Esperanto Asocio. Okazis

diversaj programeroj, inter ili solena evento en la “Saló de Croniques” Urbodomo de Barcelono.

6.8. En marto, Raúl Martínez kaj Jorge Rodríguez faris prelegon pri esperanto en publika mezlernejo “Federica Montseny” en Fuenlabrada (Madrido).

6.9. Aperis “Platero kaj mi” de Juan Ramón Jiménez ene de la kolekto “Hispana Literaturo”, tradukita en esperanton de Miguel Gutiérrez Adúriz kaj eldonita de AEU, danke al subvencio de la Malaga Urbestraro.

6.10. Jorge Camacho aperigis sian kvaran poemaron “Koploj kaj filandroj”.

6.11. Manolo Pancorbo, membro de HEF, prezentis esperanton en UNED dum la 2ª preleg-sesio laŭ la sistema “peĉakuĉo”, la 21an de aprilo.

6.12. Dum la jara legado de “El Quijote” en la madrida “Círculo de Bellas Artes”, Manolo Pancorbo kaj Toño del Barrio oni legis esperante parton de la 29-a ĉapitro.

6.13. HEF pretigis vojaĝantan ekspozicion, “Esperanto, lingvo kaj kulturo”, konsistanta 20 paneloj desegnitaj de José Rodríguez kun tekstoj de Ana Manero. La presentado kaj unua ekspozicio estis en Malago dum la HK2009, ĉe la gastejo kiu funkciis kiel kongresejo.

6.14. Rafael Mateos prelegis pri “Esperanto per pacemigaj ludoj” en la Kastelo Gresillon (Francio), dum julio.

6.15. La membro de HEF José María Salguero (Kani), mezlerneja instruisto en Don Benito (Badajoz), pere de la programo “Comenius” organizis interkonan renkontiĝon de lernantoj (projekto “Interkultura kaj Multlingva Dialogo”), kiuj studas e-on, de tri mezlernejoj de Italio, Portugalio kaj Hispanio. La lernantoj vizitis la alian vojaĝante en la tri landojn.

6.16. HEJS organizis ekskurson al Monto “Abantos” en El Escorial (Madrido) la 18an de oktobro. Partoprenis ĉirkau 20 homojn, duono el ili ne esperanto-parolantoj, kiuj tre amuziĝis aŭskultante la internacia lingvo el la alia duono de partoprenantoj.

6.17. Dua ekspozicio de la Paneloj “Esperanto, lingvo kaj kulturo”, inter la 19a kaj 31a de oktobro en kultura centro “Casa del Reloj” (Madrido), apartenanta a la kvartal-loka delegacio de la madrida urbestraro.

6.18. Novembre okazis ekspozicio pri la liberecana memoro ĉe du liberecanaj ejoj Madrido, en kiu oni montris panelon pri la rilatoj inter anarkiistoj kaj e-on.

6.19. HEF festis la 150an datrevenon de Zamenhof decembro la 15an en sia

oficejo, pere de bunta programo, kiu inkludis prelegojn, legadon de poemoj, prezentadon de libroj kaj libroservon. Poste la partoprenantoj ĝuis la tradician zamenhofan bankedon ĉe apuda restoracio.

6.20. Madrida librovendejo "Marcial Pons" dediĉis mostrofenestron al esperantaj libroj la tago de Zamenhof. La libroj estis pruntitaj de MEL kaj HEF.

**7. Amasmedioj**

7.1. La HK2009 estis bone raportita pere de multaj paperaj kaj bigitaj ĵurnaloj. Pedro Hernández estis intervuita de la plej grava loka TV en Malago.

7.2. Toño del Barrio estis intervujta pri E-o de "Radio Social Atlántico" de Korunjo (A Coruña) dum marto, kaj de Radio City (Guayaquil, Ekvadoro), meze de junio.

7.3. Lupe Sanz, membro de MEL kaj HEF, estis intervujta de la loka ĵurnalo el Gvadalaĥaro "El Decano".

7.4. Kelkaj lokaj radiostacioj el Andaluzio dissendis kantojn en e-o dum la Zamenhofa Tago, kiujn estis senditaj de andaluziaj esperantistoj kunvenintaj por festi la 150a datreveno de Zamenhof.

7.5. Decembre aperis artikolo pri "Esperanto kaj Cheste" en loka ĵurnalo "Las Provincias", kaj en la ĵurnalo "Público" aperis intervjuon al Javier Guerrero, tradukisto en la hispanan de la originala esperanta verko "La liberación del juez" de Ferenc Szilágyi, libro eldonita dulingve (e-o kaj hispana) dum 2009 .

7.6. Okaze ankaŭ de la Zamenhofa Tago, RNE-1 intervujis Toño del Barrio-n dum la programero "No es un día cualquiera".

**8. Interreto**

8.1. Daŭras la plibonigo de la retpaĝaro de HEF. Oni konstatis, ke ĝi estas esenca ilo por ekstera informado.

**9. Biblioteko**

9.1. Ĝi daŭre estas alirebla de ĉiuj, tamen nur HEF-anoj rajtas prunt-preni. La katalogo estas disponebla pere de la HEF-retpaĝo. Dum 2009 novaj ekzempleroj estis aldonitaj al la kolekto.

9.2 La kolekto de ĵurnal-eltondaĵoj de HEF estis skanita kaj estas konsultebla pere de la HEF-retpaĝo.

**10. Aliaj aktivaĵoj**

10.1. La koruso "Verda Stelo", kiu naskiĝis kun esperantistoj de Madrida Esperanto-Liceo kaj kantas jam dum 25 jaroj en esperanto, kontaktis kun la madrida koruso "Grupo Esperanto" por interŝanĝi esperantajn partiturojn.

10.2. Miguel Gutiérrez, membro de HEF, membras ankaŭ en la Akademio de Esperanto.

Originalo subskribita de la sekretario Félix M. Jiménez Lobo.

# Cuenta de Pérdidas y Ganancias

| | 2009 | 2008 |
|---|---|---|
| **1. Ingresos Afectos a la Actividad** | **7.457,15** | **12.178,75** |
| b) Prestaciones de servicios (Venta de libros, Cursos…) | 472,15 | 1.644,75 |
| c) Ingresos de Gestión Corriente (Cuotas y Congresos) | 6.985,00 | 10.534,00 |
| **4. Aprovisionamientos** | **43,78** | **-421,71** |
| a) Consumo de mercaderías (Libros) | 43,78 | -421,71 |
| **5. Otros Ingresos de la Actividad** | **28,00** | **3.019,03** |
| b) Subvenciones, Donaciones y Legados | 28,00 | 3.019,03 |
| **7. Otros Gastos de la Actividad** | **-6.266,33** | **-5.102,77** |
| **a) Servicios Exteriores** | **-6.253,44** | **-5.102,77** |
| a2) Reparaciones y Conservación | -148,89 | -2,00 |
| a5) Primas de Seguros | -87,01 | -160,93 |
| a6) Servicios Bancarios y Similares | -283,44 | -226,02 |
| a7) Publicidad, Propaganda y Relaciones Públicas | -3.745,40 | -2.795,13 |
| a8) Suministros | -125,22 | -114,69 |
| a9) Otros Servicios | -1.863,48 | -1.804,00 |
| **b) Tributos** | **-12,89** | **-** |
| **A.1) RESULTADO DE LA ACTIVIDAD** | **1.262,60** | **9.673,30** |
| 12. Ingresos Financieros | 568,78 | 465,46 |
| b2) De Instrumentos Financieros en Terceros | 568,78 | 465,46 |
| **A.2) RESULTADO FINANCIERO** | **568,78** | **465,46** |
| **A.3) RESULTADO ANTES DE IMPUESTOS** | **1.831,38** | **10.138,76** |
| **A.4) RESULTADO PROCEDENTE DE OPERACIONES CONTINUADAS** | **1.831,38** | **10.138,76** |
| **A.5) RESULTADO DEL EJERCICIO** | **1.831,38** | **10.138,76** |

# Balance de Situación

| ACTIVO | 2009 | 2008 |
|---|---|---|
| A) **ACTIVO NO CORRIENTE** | **62.390,91** | **62.390,91** |
| **II. Inmovilizado material** | **62.390,91** | **62.390,91** |
| **1. Terrenos y construcciones** | **60.101,21** | **60.101,21** |
| 211. Construcciones | 60.101,21 | 60.101,21 |
| **2. Otro inmovilizado material** | **2.289,70** | **2.289,70** |
| 232. Biblioteca | 2.289,70 | 2.289,70 |
| **B) ACTIVO CORRIENTE** | **34.563,31** | **33.403,39** |
| **II. Existencias** | **3.133,38** | **2.924,60** |
| **1. Comerciales** | **3.133,38** | **2.924,60** |
| 300. Libros y material diverso | 3.133,38 | 2.924,60 |
| **V. Inversiones financieras a corto plazo** | **23.265,93** | **23.131,23** |
| **5. Otros activos financieros** | **23.265,93** | **23.131,23** |
| 551. Cuenta corriente con socios (UEA) | 265,93 | 131,23 |
| 566. Depósitos constituidos a corto plazo | 23.000,00 | 23.000,00 |
| **VII. Efectivo y otros activos líquidos equivalentes** | **8.164,00** | **7.347,56** |
| **1. Tesorería** | **8.164,00** | **7.347,56** |
| 570. Caja, euros | 236,85 | 44,65 |
| 572. Bancos e instituciones de crédito c/c vista, euros | 7.927,15 | 7.302,91 |
| **TOTAL ACTIVO** | **96.954,22** | **95.794,30** |

| PASIVO | 2009 | 2008 |
|---|---|---|
| **A) PATRIMONIO NETO** | **96.954,22** | **95.122,84** |
| **A1) Fondos propios** | **96.954,22** | **95.122,84** |
| **I. Capital** | **95.122,84** | **84.984,08** |
| 101. Fondo Social | 95.122,84 | 84.984,08 |
| **VII. Resultado del ejercicio** | **1.831,38** | **10.138,76** |
| 129. Resultado del ejercicio | 1.831,38 | 10.138,76 |
| **C) PASIVO CORRIENTE** | **-** | **671,46** |
| **V. Acreedores comerciales y otras cuentas a pagar** | **-** | **671,46** |
| **3. Acreedores varios** | **-** | **671,46** |
| 410. Acreedores por prestaciones de servicios | - | 671,46 |
| **TOTAL PATRIMONIO NETO Y PASIVO** | **96.954,22** | **95.794,30** |

# Presupuesto para 2010

| | |
|---|---|
| **1. Ingresos Afectos a la Actividad** | **7.350,00** |
| b) Prestaciones de servicios (Venta de libros, Cursos…) | 450,00 |
| c) Ingresos de Gestión Corriente (Cuotas y Congresos) | 6.900,00 |
| | |
| **4. Aprovisionamientos** | **-100,00** |
| a) Consumo y variación de mercaderías (Libros) | -100,00 |
| 5. Otros Ingresos de la Actividad | 50,00 |
| b) Subvenciones, Donaciones y Legados | 50,00 |
| | |
| **7. Otros Gastos de la Actividad** | **-7.710,00** |
| a) Servicios Exteriores | -7.680,00 |
| a2) Rep. y Conservación ( y Compra Material Informático) | -700,00 |
| a5) Primas de Seguros | -95,00 |
| a6) Servicios Bancarios y Similares | -310,00 |
| a7) Publicidad, Propaganda y Relaciones Públicas | -4.250,00 |
| a8) Suministros | -225,00 |
| a9) Otros Servicios | -2.100,00 |
| b) Tributos | -30,00 |
| | |
| **A.1) RESULTADO DE LA ACTIVIDAD** | **-410,00** |
| **12. Ingresos Financieros** | **410,00** |
| | |
| b2) De Instrumentos Financieros en Terceros | 410,00 |
| | |
| **A.2) RESULTADO FINANCIERO** | **410,00** |
| | |
| **A.3) RESULTADO ANTES DE IMPUESTOS** | - |
| | |
| **A.4) RESULTADO PROCEDENTE DE OPERACIONES CONTINUADAS** | - |
| | |
| **A.5) RESULTADO DEL EJERCICIO** | - |

# Kunveno de la patronaro de Fonduso Esperanto




La Patronaro de Fundación Esperanto havis sian jaran Ĝeneralan Kunvenon la 15-an de decembro de 2009 en Zaragozo. Oni pritraktis kaj aprobis jenajn punktojn:

**1. Helpoj de la jaro 2009**

➢La kunvoko de helpoj por la jaro 2009 estis akordigita en la kunveno de la Patronaro de la 13-a de decembro de 2008. Ĝi estis publikigita en la revuo "Boletín" de HEF, numero 388 de julio-septembro 2009 (p. 10). Kun rilato al ĝi, oni decidas distribui jenajn kvantojn:

- 400 eŭrojn al "Esperantista Societo de Tenerifo" por la seminario "Enkonduko al Esperanto kaj ties kulturo" en la Universitato de La Laguna (Tenerifo, 10-a de februaro ĝis 26-a de majo de 2009) kaj por la renovigo de la meblaro de ĝia sidejo.

- 300 eŭrojn al "Esperanto - Liceo de Madrid" por la forumo "Esperanto kaj Zamenhof. Defio al Babelo" (Madrido, 25-a kaj 26-a de aprilo de 2009).

- 300 eŭrojn al "Asocio Maldekstro kaj Esperanto (SATeH)" por la eldono en la hispanlingva versio de la libro "Crónicas del Movimiento Obrero Esperantista" originale verkita en Esperanto.

- 300 eŭrojn a la Asocio de Esperanto de Malago "Marbordo de la Suno", por la aĉeto de 60 ekzempleroj de la libro "El hombre que desafió a Babel", disdonitaj al la partoprenantoj de la 68-a Hispana Kongreso de Esperanto (Malago, de la 2-a ĝis la 5-a de julio de 2009).

**2. Helpoj por la jaro 2010**

➢Por la jaro 2010, oni antaŭvidas tri projektojn de agado:

1) Esperanto en Iberameriko: Esperanto kaj favorado de la lingvaj rajtoj en Iberameriko.

2) Esperanto en la bibliotekojn: donacado de libroj en la lingvo Esperanto al bibliotekoj kaj kulturaj centroj.

3) Aliaj helpoj por la instruado kaj disvastigo de Esperanto. Oni lasas malfermitaj la eblecojn stimuli agadojn favore al Esperanto per proponoj konkretaj de esperantistaj grupoj (organizado de cursoj de Esperanto, eldonado de libroj en aŭ pri Esperanto…).

➢Sekve, por la jaro 2010, oni decidas pretigi buĝeton de 2.000 € kiel ekonomian helpon el la havaĵo de la Fondumo. Tiu kvanto povus varii kaze ke oni ricevas aldonan hepon aŭ subvencion fare de iu privata aŭ publika instanco.

la sekretario

# Kampanjo "Esperanto al Ameriko"




La Amerika Komisiono de UEA lanĉis kampanjon, profitante la okazigon en Kubo dum la somero de 2010 de la Universala Kongreso, la Internacia Junulara Kongreso kaj la Konferenco de ILEI, por disvastigi Esperanto en Latinamerikaj landoj. Tiu kampanjo ricevis la nomon "Esperanto al Ameriko", kaj celas diversaj ambiciajn agadojn. Por ili, oni petis la helpon de loĝantoj en aliaj mondopartoj, kaj specife en Hispanio.

En la retejo de la Amerika Komisiono /www.ameriko.org/eo/node/434 oni publikigas la informojn pli konkretajn kiujn decidas tiu Komisiono. Inter la jam aprobitaj troviĝas la okazigo de trejnseminario ĉi-somere, koincide kun la ILEI-Konferenco, por hispanamerikaj esperantistoj diverslandaj. Alia agado kiu jam komencis disvolviĝi estas la vojaĝo de diversaj aktivuloj (inter kiuj la kantisto/instruisto Alejandro Cosavella) tra Sudameriko, Mezameriko kaj sekve al Kubo, kaj por instrui kaj por arigi homojn kaj klopodi firmigi aŭ eĉ krei etajn grupojn kie ne ekzistas.

Por ĉio ĉi necesas monrimedoj. Do, helpontoj povas sendi la monkontribuojn al UEA, konto de Fondaĵo Ameriko, kun klarigo kaze de la seminario. Krom tiu rekta kontribuo, eblas helpi en tiu projekto, pere de Fundación Esperanto, kie oni malfermis specialan projekton tiucele. Oni povas sendi monan helpon al la konto 2100-2149-31-0100165085 de la "Caja de Ahorros y Pensiones, La Caixa", kun indiko "Esperanto al Ameriko" aŭ "Esperanto en Latinoamérica". Memoru ke la kontribuoj povas esti impost-dedukteblaj.

Eblas ankaŭ kontribui per instruaj kaj alitipaj materialoj. Fundación Esperanto planas arigi la sendadon de vortaroj, lerniloj kaj aliaj materialoj al Kubo, por malpliigi kiom eble la sendokostojn. Volontuloj povas kontribui per rekta havigo de tiaj materialoj, aŭ per monaj kontribuoj ebligantaj la aĉeton kaj transdonon. Kontaktu por tio la adreso de Fundación: fundacion@esperanto.es

Se ni vidas sufiĉe da intereso ĉe la hispaniaj esperantistoj, ni intencas peti apartan subvencion al ŝtataj instancoj kaj al privataj organizoj. Se vi volas kunlabori, kontaktu nin en la supre menciita adreso.

Fundación Esperanto

www.esperanto.es/fundacion

# Dua internacia renkontiĝo "Interkultura kaj multlingva dialogo"

En la kadro de Eŭrop-unia Komenius-projekto, ĉe la supera mezlernejo Braancamp Freire di Pontinha (Lisbono), ĵus finiĝis la dua internacia renkontiĝo en kiu partoprenis grupoj de studentoj de IES Cuatro Caminos el urbo Don Benito (Hispanio) kaj de la ŝtata mezlernejo Cavour el Modeno (Italio). La projekto, nomita “Interkultura kaj multlingva Dialogo”, utiligas Esperanton por ebligi la komunikadon inter la unuopaj grupoj kaj iliaj koncernaj naciaj kulturoj kaj lingvoj. La celo de la projekto fakte antaŭvidas signifajn paŝojn al formado de la eŭropa civitano.

Pasintan aprilon okazis en Modeno kaj Peskaro (Italio) la unua renkontiĝo de la tri partneraj lernejoj. Nun oni jam laboras por prepari la trian renkontiĝon kiu okazos en aprilo 2010 kiam, dum unu semajno, la instituto IES Cuatro Caminos gastigos la italan kaj la portugalan delegaciojn.

Krom viziti la interesegajn turismajn lokojn de Lisbono (la kastelo de Sankta Ĝorĝo kaj la havenan areon de Belem kun la muzeo de navigado, la Oceanarium kaj la pavilonoj de Expo), Koimbra, Sintra, Kabo de Roka (la plej okcidenta punk-to de Eŭropo) kaj Cascais, oni dediĉis multe da tempo al la ĝisdatigo de la informteknikoj por la konstruo de propra TTT-ejo de la projekto <www.multlingue.eu> al kiu rajtas kunlabori kaj sendi siajn kontribuojn ĉiuj partoprenantoj en la projekto.

Profesoro de la Instituto Braancamp Freiré akompanis nin en nia malkovro de la portugala lingvo kaj de ĝia kultura postmedio. Ankaŭ Esperanto estis pli profunde studita kaj pli gajigis la lecionojn profesoro Luizo Ladeira instruante al ni multajn tre belajn kantojn.

Inter la gejunuloj de la unuopaj delegacioj kreiĝis tiamaniere kompli-ceco, spontana deziro de komunikado kaj sincera amikeco kaj al tio kontribuis ankaŭ la fakto ke inter la junaj italinoj partoprenantoj en la projekto estas surda knabino kun tre apartaj komunikaj malfacilaĵoj kiuj solveblas pere de preciza komunika intenceco kaj la lingvo de la signoj, kies alfabeto estis ilustrita de ŝi mem dum leciono en la lernjejo Braancamp Freire.

Ĉiuj ni adiaŭis per elkoraj dankvortoj pro la bela tempo travivita kune kaj kun la bondeziro je nova renkontiĝo en Don Benito, urbo de Extremadura, en aprilo 2010.

La itala teamo:

Ermanno Tarracchini, Valeria Bocchini, Luisa kaj Vittorio Madella



La tri delegacioj antaŭ la monaĥejo de la Jerozolomitanoj

# Centjariĝo de Astura Esperanta Asocio

Ĉi-jaro estas la Centjara Jubileo de Astura Esperanta Asocio, el Gijón. Ĉi tiu E-grupo, la unua kreita en la Astura regiono, estis fondita la 4an de Junio de 1909. Tiam, kaj dum preskaŭ 20 jaroj, ĝi estis sekcio de organizaĵo nomita Centro Católico. La fondinto kaj unua Prezidanto de AEA estis Francisco Menéndez Rúa, kiu gvidis la E-grupon ĝis la Hispana Enlanda Milito. La sekvan jaron, 1910, estis fondita en nia urbo alia esperantista grupo kiel sekcio dependanta de la Ateneo Obrero. Sed antaŭe, de la 5a ĝis la 11a de Septembro de 1909 okazis en Barcelono la 5a Universala Kongreso de Esperanto, kun la partopreno de la iniciatinto de la internacia lingvo, doktoro Lazaro Ludoviko Zamenhof. Multaj aliaj E-rondoj aperis en nia lando dum tiuj jaroj; tiam estis epoko de entuziasmo kaj optimismo en la esperantistaj medioj, tiel en nia lando, kiel ĝenerale en la mondo. Tiu favora etoso daŭris ĝis la unua Mondmilito (1914-1918). Tiam Esperanto kaj la idealoj kiujn ĝi reprezentas spertis gravan depresion.

Post tiu malfacila periodo de la Granda Milito, la esperantista movado renaskiĝis ĉie, ankaŭ en la Astura regiono. Astura Esperanta Asocio havis kontentigan vivon kaj funkciadon ĝis la jaro 1936. Vivas ankoraŭ en nia urbo kaj ankoraŭ membras en nia E-asocio samideano de tiu epoko, José Palacio Tuero. En la loka gazetaro de tiuj jaroj oni povas legi anoncojn de tiu E-rondo pri kursoj, ekzamenoj, kunvenoj de la membraro, de la estraro... Dume, la esperantista grupo de la Ateneo Obrero estis gvidita, ĝis la Hispana Enlanda Milito, de Alfredo Villa Villa. En Gijón estis fonditaj du kromaj E-grupo, kaj alia en Oviedo. Ankaŭ en tiu epoko oni instruis Esperanton en la sidejo de la sindikato UGT, kiel okazis en multaj aliaj lokoj tra la lando. La E-grupo de Oviedo estis fondita, en la jaro 1927, de armea oficiro, Antonio Jiménez Mora. En tiu sama jaro, Esperanta Grupo de Oviedo kaj aliaj el Gijón, inter ili Astura Esperanta Asocio, grupiĝis en regionan federacion. Ĝi nomiĝis Astura Esperantista Federacio, kaj prezidis ĝin la menciita Antonio Jiménez Mora. Tiu Federacio entreprenis la organizadon en Oviedo, dum la jaro 1929, de la 8a Hispana Kongreso de Esperanto, kiu estis brila evento de la hispana esperantismo, kiel oni povas konstati tralegante la raporton kiun pri tiu E-forumo faras Antonio Marco Botella en ties verko Analoj de la esperanta movado en Hispanujo.

Ĉiu ĉi intensa esperantista agado malaperis en Gijón, kaj en la cetero el la lando, kun la milita venko de la frankismo. Dum, proksimume, la 10 unuaj jaroj de la frankisma reĝimo estis malpermesata en Hispanio la instruado de Esperanto kaj la esperantistaj asocioj. Ekde la jaro 1948 oni iome toleris la esperantistan movadon, neregule laŭ regionoj, dependante de la sinteno de ĉiu Provinca Guberniestro. La hispana esperantismo iom pos tiom rekuperiĝis, kaj en Gijón ĝi komencis reorganiziĝi proksimume dum la jaro 1953. Kelkaj postvivantoj de la malaperintaj grupoj de Esperanto,

gviditaj de Alberto Menéndez kaj Alfredo Villa, kunlaboris en tiu rekuperiĝo kaj en la organizado de la 16a Hispana Kongreso de Esperanto, en Gijón dum Julio de la jaro 1955. Ekde tiu dato funkciis en nia urbo la grupo "Grupo Esperantista Jovellanos", enkadrigita en la Ateneo "Jovellanos" kaj estrita de Alberto Menéndez, kiu krome gvidis E-kursojn dum kelkaj jaroj. Menciindas tion, ke, de antaŭ kelkaj jaroj, funkcias alia grupo de Esperanto en El Entrego, gvidita de Alcibiades González Meana. Ambaŭ asocioj dediĉas sin al la disvastigado de Esperanto tra aliaj zonoj de Asturio.

Dum tiuj jaroj estis rimarkebla la esperantista aktivado de la Sekretario de la grupo, José Ordieres Dacosta, kaj dum la jaroj 1957 al 1959 aktivadis ĉe tiu rondo ankaŭ Luis Serrano Pérez, kiu esperantiĝis ĉi tie antaŭ sia posta translokiĝo al Sabadell. Krom kursoj, la Esperantista Grupo Jovellanos organizis ankaŭ ekspoziciojn de fremda gazetaro kiu altiris grandan publikan atentoj kaj utilis por propagandi pri nia afero. En la jaro 1959, ĝuste meze de la jarcenta periodo kiun ni priskribas, aliĝis al nia E-rondo alia aktivulo, Santiago Mulas Gallego, kiu de tiam kaj ĝis la nuntempo estis ligita al la vivo kaj la agado de la E-organizaĵoj de Gijón. Unue li anstatŭis Alberton en la gvidado de E-kursoj.

En ĉi tiu urbo, antaŭ kaj post la retiriĝo de Alberto Menéndez, estis tre notinda la instrua agado de Santiago Mulas. Multaj civitanoj de ĉi tiu urbo pasis tra iu el la kursoj de Esperanto kiujn li gvidis, dum preskaŭ 50 jaroj.

En la somero de 1970 okazis en la astura urbo Mieres la 30a Hispana Kongreso de Esperanto, organizita de la E-grupo de tiu urbo, kiun prezidis samideano Cándido Cienfuegos. Kelkajn monatojn antaŭe forpasis en nia urbo Alfredo Villa, kaj baldaŭ poste okazis la retiriĝo de Alberto Menéndez kiel Prezidanto de la E-Grupo de Gijón, kvankam li daŭre restis kiel membro. Ekde tiu jaro ĝis 2006, Santiago Mulas gvidis la esperantistan organizaĵon en Gijón. En tiu epoko la membraro de la grupo estis tre renovigita; eniris multaj novbakitaj geesperantistoj kaj krome grandparto el la membroj de la grupo de El Entrego translokiĝis al Gijón, pro laboraj kialoj, kaj enkondukiĝis en la E-rondo de nia urbo. Inter ili indas mencii la fraton de Alcibiafdes, Adonis González Meana, kiu de tiam kaj ĝis sia morto, en la jaro 1996, rolis kiel Vicprezidanto de la grupo; kaj Sacramento Collado Llana kiu, dum multaj jaroj, okupiĝis pri la rilatoj kun la gazetaro, al kiu ŝi ofte sendadis informojn kaj komunikojn pri esperantistaj aferoj.

En la jaro 1979 okazis en Gijón la 39a Hispana Kongreso de Esperanto. Post tiu dato la E- grupo enkadriĝis en la Cátedra Jovellanos de Extensión Universitaria kaj reprenis la nomon Astura Esperanta Asocio. Ekde la jaro 1976, la E-rondo de nia urbo publikigas bultenon aŭ revueton nomata Heleco. Dum multaj jaroj okupiĝis pri la redaktado kaj ellaborado de tiu presaĵo Ildefonso Domínguez Losada. Ekde 1989, kaj ĝis la nuntempo, okupiĝas pri tiu tasko Faustino Castaño. Menciindas ankaŭ la laboro de samideano Julio

Argüelles, ĵus forpasinta, kiu dum kelkaj jardekoj okupiĝis pri demarŝaj taskoj de la E-grupo en la organizado de kongresoj, esperantistaj festo k.s. Li ankaŭ gvidis E-kursojn kaj prelegis pri Esperanto en kelkaj lernejoj de la urbo kaj aliaj centroj. De la jaro 1982 (okaze de la Tutmondaj Futbal-ludoj), ĝis preskaŭ la fino de la jardeko, nia E-Asocio havis standon en la Urba Fojrejo por propagandi pri Esperanto. Ĉefa deĵoranto en tiu loko por akcepti la vizitantojn estis la menciita Julio Argüelles.

En la sidejo de nia Asocio, Santiago Mulas daŭre gvidis Esperanto-kusojn kaj dum la jaroj 1984 kaj 1985 li instruis pri la internacia lingvo ankaŭ en Avilés. La gelernantoj de tiuj kursoj entreprenis poste la organizadon de la E-grupo de tiu urbo, nomata Antaŭen, kaj ĝis nun ekzistanta. En 1987 la esperantista movado festis sian Centjariĝon. Kiel kontribuo al tiu celebrado, Astura Esperanta Asocio publikigis libron en Esperanto, titolita Astura Bukedo, kun traduko de verkoj el kelkaj aŭtoroj de la Astura regiono. Ekde tiu jaro, kaj ĝis 1990, estis en ĉi tiu regiono la tri Asturaj Kongresoj de Esperanto ĝis nun okazintaj. Ili okazis en la urboj Navia, Avilés kaj Gijón.

De 1999 al 2005 okazis ĉiujare en Gijón, organizita de kelkaj publikaj institucioj, la t.n. Festoj de la Lingvoj. Tiu aranĝo celis konsciigi la loĝantaron, ĉefe la junularon, pri la neceso lerni fremdajn lingvojn. Nia Astura Esperanta Asocio partoprenis en tiuj aranĝoj per propra stando, de kie ni disdonadis al la vizitanta publiko propagandon pri Esperanto kaj emisiis la mesaĝon ke tiu internacia idiomo estas instrumento por la solvo de la lingva problemo de la mondo. Ekde la jaro 2005 nia E- Asocio havas sian propran ret-paĝon en Interreto. Ĝia adreso estas: carleos.epv.uniovi.es /~faustino/ En ĝi oni publikigas nun la revuon, HELECO, kune kun multe da diversa materialo. Ekde la jaro 2006 prezidas la E-Asocion Carlos Enrique Carleos Artime. Lastatempe nia rondo travivas, same ol multaj aliaj E-grupoj en ĉiuj lokoj, periodon en kiu estas en la socio neniu intereso pri la lernado de Esperanto. En aliaj epokoj dum nia jarcenta historio estis similaj periodoj, kiuj fine estis superitaj. Ni esperu ke ankaŭ ĉi-foje la problemo solviĝos, kaj fine, iam, Esperanto rolos kiel pont-linvo inter ĉiuj popoloj en la Tero.

Faustino Castaño




Heleco, la organo de Asturia Esperanto Asocio

# Forpasis Julio Argüelles



La 30an de Oktobro forpasis samideano Julio Argüelles. Li estis dum pli ol 30 jaroj membro kaj aktivulo de la E-grupo de de Gijón, Esperantista Grupo Jovellanos, poste renomita Astura Esperanta Asocio. Multaj geesperantistoj, je landa kaj internacia nivelo, konis lin ĉar dum kelkaj jardekoj li estis asidua partoprenanto de Kongresoj kaj renkontiĝoj de la E-movado, en kiuj li reprezentis la esperantistaron de Gijón. Ofte la revuo de nia E-grupo publikigis la raportojn kiujn li verkis pri tiuj esperantistaj eventoj. En la E-rondo de Gijón li estis nepra kaj nelacigebla demarŝanto en la organizaj taskoj de ĉiuj aktoj, ĉu kongresoj, festoj, renkontiĝoj kaj aliaj esperantistaj eventoj. Kun lia malapero la esperantistaro perdas unu el siaj plej aktivaj membroj, kies poresperanta agado dum tiom da jaroj estis imitinda ekzemplo por ĉiuj membroj

## Revuo "Esperanto" en la reto ankaŭ por "Membroj kun Jarlibro"

La januara numero de la revuo "Esperanto" estis enretigita jam la 21-an de decembro, samtage, kiam ĝia papera versio iris al la presejo. Ĝi estas la unua numero de la organo de UEA, kiun povas legi en la reto ankaŭ la individuaj membroj de la kategorioj "Membroj kun Jarlibro" kaj la "Dumvivaj Membroj kun Jarlibro". Diference de 'Membroj-Abonantoj', 'Dumvivaj Membroj' kaj 'Honoraj Membroj' de UEA ili ne ricevas la presitan revuon, sed la reta eldono estas enhave kaj aspekte identa kun la papera versio. Por legi la retan revuon necesas unue registriĝi kiel uzanto de la reta Jarlibro ĉe http://reto.uea.org/ . Samtempe oni ricevas aliron ankaŭ al la cetera enhavo, konstante ĝisdatigata, de la reta versio de la Jarlibro de UEA.

Per tiu ĉi plivastigo de servoj, kiujn oni ricevas kontraŭ la pago de la MJ-kotizo, UEA plenumas la deziron de tiuj, kiuj volas ricevi la monatan revuon de la Asocio nur rete kaj malpli koste. La MJ-kotizo estas malpli ol duono de la MA-kotizo kaj ĝi kompreneble plu inkluzivas ankaŭ la Jarlibron de UEA.

Plej simple oni povas aliĝi al UEA rete ĉe http://db.uea.org/alighoj/alighilo.php

Laŭ CO de UEA

fonto: Ret-Info

http://www.eventoj.hu

# Komuniko pri la nova Pasporta Servo

Karaj Pasporta Servo-gastigantoj! Karaj PS-uzantoj!

Ni tre bedaŭras ke ni ne sukcesis al vi ĉiuj respondi ĉar ni ĉefe okupiĝis pri la kreado de la nova sistemo, kaj esperas ke tiu ĉi letero respondas al viaj demandoj. Ni petas vian komprenon pro la nunaj prokrastoj kaj la ŝanĝoj en sistemo al kiu ni ĉiuj alkutimiĝis. Same ni certigas al vi ke ili estas necesaj por ke nia ŝatata Pasporta Servo pluhavu prosperan estontecon. Helpu por ke ni komune antaŭenigu nian projekton, kaj niajn komunajn idealojn!

Do, ni petas al vi nun, aliĝu al nia interreta Pasporta Servo! Se vi jam membriĝis: Ni invitas vin reviziti la paĝon por plenigi aŭ aktualigi viajn informojn. Ne forgesu elekti "mi gastigas" se vi estas gastiganto kaj lokigi vian hejmon sur la mapo.

Se vi bezonas helpon, vi povas kontakti pasportaservo@tejo.org aŭ la oficejon de TEJO

(http://www.tejo.org/eo/kontaktu ).




Se vi volas fari donacon, bonvolu ne plu sendi Internacian Respondkuponon aŭ poŝtmarkon. Dankon pro via helpo!

Se vi volas aperi en la venonta eldono, ne atendu, kvankam estas pluraj el vi kiuj ne kutimiĝis kun la nova sistemo kaj petis (re)-membriĝon per aliaj manieroj, tiuj gastigantoj ankaŭ aperos en la eldono. Ni tamen kore invitas vin membriĝi ĉe

http://www.pasportaservo.org .

Jen simpla listo da paŝoj:

Iru al http://www.pasportaservo.org/

•Sekvu supre de la paĝo la ligilon "Membriĝi".

•Elpensu uzantnomon por vi. Tiu uzantnomo estos publike videbla,do se vi kontraŭos la aperon de via persona nomo, ne uzu ĝin, sed elpensu ion. Bone memoru tion.

•Metu vian retpoŝtadreson (ĝi estos uzata nur interne de lasistemo, ne montrata krom al administrantoj), urbon kaj landon.

Se vi volas, vi povos ankaŭ meti adreson

Hejmo

**Uzanta konto**

Uzantnomo:

Ludoviko

Bv. elekti vian UZANTNOMON, sen spacoj aux specialaj literoj, ekz.: "hector_h" (aux "hhodler" ktp.). Nur en la venonta pasxo, vi enmetos vian PLENAN NOMON, ekz. "Hector Hodler".

Retpoŝtadreso:

xxxxxx@xx.xx

Sribu vian retpoŝtadreson por ke la aliaj membroj kontaktu vin pere de via kontaktformularo.

Urbo:

Bjalistoko

Lando: Pollando

Mia TTT-paĝo:

http://

Pri mi:

Mi iniciatis la internacian lingvon

Kondiĉoj por la uzado de Pasporta Servo:

☑ Mi akceptas la kondiĉojn

de retpaĝo, kaj etanpriskribon pri vi. (Vi povos tion poste ŝanĝi, do ne gravas nun.)

•Elektu, ke vi akceptas la kondiĉojn (unue legu ilin, kompreneble).

•Vi ricevos konfirman retmesaĝon al via indikita retadreso. Tio estas por kontroli, ĉu vi vere havas retpoŝtadreson. Se ĝi ne alvenas ene de kelkaj horoj, io misfunkciis .

• Klaku la ligilon en la konfirma mesaĝo por konfirmi vian aliĝon.

• Enmetu pasvorton elektitan de vi (dufoje), kaj klaku "Publikigi" (ne zorgu, ĝi ne publikigas la pasvorton).

• Vi povas en la sama paĝo elekti sur la mapo vian lokon, se vi volas, kaj sube alŝuti bildon de vi. (Poste denove klaku "publikigi").

• Ĉe "miaj informoj" (supre) vi nun enmetu pliajn informojn, kiel ekzemple vian nomon. Grava estas ĉe "miaj detaloj" elekti "Mi pretas gastigi": Jes. Ankaŭ via adreso indas, por ke homoj povu trovi vin. Tie eblas ankaŭ meti fotojn de via domo, ekzemple.

Tio estas jam ĉio. Vi nun povos serĉi aliajn uzantojn, uzi la forumon, ktp., se vi emas.

(Se la konfirma retpoŝto ne alvenas al vi ene de kelkaj horoj, iru al http://www.pasportaservo.org/user/password . (Tio estas ankaŭ atingebla per "ensaluti" -> "Iru ĉi tien, se vi forgesis ...".) Tie enmetu vian uzantonomon aŭ la retpoŝtadreson, kiun vi enmetis. Oni sendos novan retmesaĝon al vi, kun nova ligo. Alklaku ĝin kaj daŭrigu kiel supre menciita.)

La estraro memorigas, ke la paneloj daŭre disponeblas por organizi ekspoziciojn por diskonigi Esperanton.

Estas planitaj jenaj ekspozicioj:

• Hispana Kongreso (Santiago de Compostela) / de la 2a ĝis la 5a de julio 2010.

• Kulturcentro de Villaverde (Madrid) / de la 1a ĝis la 31a de oktobro 2010.

Por peti informon aŭ rezervi ilin, bonvolu peti per la retadreso admin@esperanto.es aŭ per la kutimaj rimedoj.

La 26an de novembro estis prezentita en la "Lernejo por Porprofesiaj Studoj" de Foshan, nova Esperanta flago. Ĉirkaŭ cent gelernantoj de tiu lernejo partoprenas la kurson de Esperanto, organizita de ties direktoro, s-ro Peng Jin, kaj instruita de Augusto Casquero.

Sur la foto oni povas vidi kelkajn gelernantojn de Esperanto.

Augusto Casquero



# Festo en Valencio



La 30an de januaro oni festis en Valencio la 150an Datrevenon de la naskiĝo de Doktoro Zamenhof. Komence de la aranĝo okazis libera babilado inter la membroj de la Valencia Esperanta Grupo. Poste la prezidanto, s-ro Sempere, diris kelkajn vortojn rilate la feston. S-ro Angelo Garcia bele kaj interese prelegis pri Esperanto kaj Zamenhof, kun riĉa historia enhavo. Tuj poste Augusto Casquero prezentis pere de la komputilo informojn pri Esperanto en Ĉinio, kaj diversajn salutvortojn, en video, de ĉinaj samideanoj. Speciale kortuŝitaj estis ĉiuj post la prezentado de ĉinaj infanoj kantante kaj parolante esperante. Ankaŭ ĉiuj estis ravitaj de la video-saluto sendita por tiu okazintaĵo de la juna ĉina esperantistino Li Fei. S-ro Luis Salag amplekse parolis pri Esperanto en radio.Por fini, ĉiuj aŭskultis la himnon de Esperanto, en interesa flamenka versio. Kaj kompreneble, kiel kutime, ĉio finiĝis en restoracio, kie ĉiuj gaje bankedis kaj ĝuis la framdaĵojn.. Partoprenis la aranĝon 25 samideanoj, el 5 urboj.

Augusto Casquero

## Peto al ĉiuj asocioj kaj membroj de HEF




La estraro petas al membroj kaj asocioj ilian helpon. Federacio havas allogan retejon, kiu estas unu el la ĉefajinformrimedoj de asocioj en Hispanio. La celo de nia retejo estas doni informon pri Esperanto al neesperantistoj kaj diskonigi eventojn al ĉiuj esperantistoj en Hispanio. Por plenumi tiujn celojn la estraro petas al asocioj:

•Informi regule pri kursoj de Esperanto (komenco kaj fino de kurso, kie ĝi okazos, horaro kaj informo por kontakti la instruiston aŭ organizanton).

• Regulaj renkontiĝoj.

• Eventualaj aranĝoj.

Tiel komencantoj en Esperanto povas facile trovi kaj koni la lokajn asociojn, pli proksimaj al siaj loĝlokoj, kaj scii pri regulaj renkontiĝoj, kiuj permesos al ili praktiki la lingvon, kaj al spertaj esperantistoj tiu informo permesos scii, kiuj eventoj okazas en aliaj partoj de Hispanio kaj tio ebligos ilian partoprenon.

Bonvolu kontakti la estraron retpoŝte per info@esperanto.es aŭ per kutimaj komunikiloj.

# 120 vizitantoj dum la malferma tago en Roterdamo



Centra Oficejo de UEA, Roterdamo

La vivo kaj verko de Ivo Lapenna estis temo de la 31-a Malferma Tago de la Centra Oficejo de UEA sabaton, la 28-an de novembro. Tiu ĉi populara aranĝo okazis tri semajnojn post la 100-a naskiĝdatreveno de Lapenna (1909-1987) kaj allogis 120 vizitantojn el 16 landoj. S-ino Birthe Lapenna ĉeestis la Tagon kaj ricevis kiel memoraĵon enkadrigitan folion kun 10 poŝtmarkaj portretoj de sia edzo, "por rekompenci kun rento la portreton, kiun ŝi donacis al la Centra Oficejo en la Malferma Tago en aprilo 1998 okaze de la 90-jariĝo de UEA", klarigis la ĝenerala direktoro Osmo Buller.

La ĉefpreleganto estis prof. Carlo Minnaja, prezidanto de Internacia Scienca Instituto Ivo Lapenna. Li parolis en du partoj pri siaj renkontiĝoj kun Lapenna, kiun li, denaska esperantisto, ekkonis kiel juna knabeto, ĉar Lapenna ofte gastis en la familio de la famaj italaj esperantistoj Luigi kaj Carolina Minnaja. Sian prelegon Minnaja ilustris per fotoj kaj filmfragmentoj. Li montris ankaŭ la Pokalon Ivo Lapenna, konservatan en la CO, sur kiu lia nomo estas gravurita kiel la unua post lia venko en la Oratora Konkurso en 1960. Pri siaj kontaktoj kun Lapenna parolis ankaŭprof. Duncan Charters, vicprezidanto de ILEI, kiu aparte elstarigis lianatenton al la lerneja agado, i.a. kiel iniciatinto de serio de Internaciaj

## Lernejaj Konferencoj

La publikon plene kaptis la frisa grupo Kapriol', kiu krom mem kanti, kantigis kaj eĉ dancigis la publikon. Ĉeestis ankaŭ neesperantistaj popoldancistoj, kiuj en plezura maniero povis konatiĝi kun la Esperanta kulturo.

Norberto Díaz kaj Yoandra Rodríguez portis salutojn el Kubo. Ili rakontis kaj respondis demandojn pri la preparado de la 95-a UK en Havano.

Katalin Kováts kaj Zsófia Kóródy disdonis atestilojn al trapasintoj de lingvoekzamenistaj kursoj kaj diplomojn al sukcesintoj en ekzamenoj laŭ la Eŭropa Referenckadro.

Pri la lasta horo en la prelegejo respondecis ILEI, kies nova estraro kunsidis en Roterdamo ĉirkaŭ la Malferma Tago kaj ricevis okazon prezenti sin kaj siajn planojn. La revigliĝo de la instruista asocio tre

impresis la publikon. Rimarkinda estis la interesiĝo pri la instruista trejnado, kiun oni klare sentas kiel urĝan taskon.

Biblioteko Hodler funkciis kiel kinejo de dokumentaj filmoj. En la filmoj pri la UK-oj en Budapeŝto en 1966 kaj Vieno en 1970 eblis vidi i.a. scenojn pri la oratoranta Ivo Lapenna.

Scenojn el la Malferma Tago mem montros baldaŭ la Eduka Televido ETV, kies teamo filmis dum la Tago kaj intervjuis la CO-oficiston Ralph Schmeits por programo elsendota en la Roterdama regiono en januaro.

Bonan tagon spertis la Libroservo, kies vendoj sumiĝis je 2416,40 EUR. Pleje furoris la poŝtmarkoj por la 100-a datreveno de Ivo Lapenna kaj la 150-a de L.L. Zamenhof, tiu lasta lanĉita en la Malferma Tago. De ambaŭ estis venditaj po 38 folioj kun 10 markoj. Inter libroj la unuan lokon okupis la lernilo "Esperanto Mini-Course" kun 5 venditaj ekzempleroj. Po 4-ekzemplere vendiĝis la Zamenhof-biografio "Homarano" de A. Korĵenkov, "Mil unuaj vortoj en Esperanto", "Beletra Almanako" n-ro 6, kaj la poŝkalendaro "La Jaro 2010".

La sekva Malferma Tago estos en sabato, la 17-a de aprilo 2010. La ĉefpreleganto estos d-ro Mark Fettes.

el gazetara komuniko de UEA

# Virtualaj albumoj premiere en Vinilkosmo

La unuan fojon Vinilkosmo eldonas virtualajn albumojn laŭ FLAC- kaj mp3-formatoj en sia elŝutretejo. Virtuala albumo signifas albumo, kiu ne estas eldonita en KD. Tiun ĉi novan formon de eldonado inaŭguras du albumoj: La unua: "Revolucio en pajleraro"de Ale Kosabela, fama argentina artisto (Alejandro Cossavella kiu aperis en du aliaj diskoj ĉe Vinilkosmo "La Porkoj kaj "Strika Tango").




La dua: "62 Minutoj" temas pri ciferecigo kaj remastrigio de la malnova kased-albumo..."62Minutoj", la unua elstara rokverko de Persone, aperinta en kasedo. Nun eblas elŝuti per FLAC-formato (senperda formato) kiu donos al postulemuloj kontentigan kvaliton.




Pli da informo: www.vinilkosmo-mp3.com

# Vojaĝo tra Italujo: persona raporteto

Mia edzino Chen kaj mi disponis en novembro tri semajnojn da ferioj (kun du semajnfinoj), kaj ni decidis pasigi ilin en Italujo. Temis pri privata vojaĝo, ne ligita al ajna esperanta kongreso, i.a. ĉar ŝi ne parolas esperanton (sed ja la lingvojn tajvanan, ĉinan, hispanan kaj anglan!). Ni do alflugis Milanon sabate, la 7an de novembro, kaj ekgastis ĉe "normalaj" milananoj (t.e. neesperantuloj). De tie ni faris ekskurson al Torino, kie nian ununoktan restadon dankinde prizorgis la E-klubo. En Torino akceptis nin mia bona, delonga amiko Gian Carlo Fighiera, al kies daŭra kaj influa ĉeesto en Madrido kune kun sia edzino Ada Fighiera-Sikorska antaŭ pli ol dudeko da jaroj mi sendube ŝuldas plurajn meandrojn de mia vivo esperantuja kaj eĉ profesia (ja en ilia hejmo mi ekpraktikis la rudimentojn de mia nova profesio: librotekisto). Gian Carlo prezentis al ni tiun ĉarman urbon, kaj la postan tagon li nin akompanis al la kunveno de la E-klubo. Tie mi prezentis miajn poemojn al dekkvino da partoprenantoj, kun kiuj poste okazis vigla kaj agrabla debato pri miaj verkoj kaj poezio ĝenerale. Poste parto el ni daŭrigis la vesperon en proksima picejo, kiel antaŭvidite (veni, vidi, pici). Mi ne mencios nun la nomojn de la tre simpatiaj kunmanĝantoj, timante forgesi aŭ ne koni iun el ili, sed jam nun mi danku la klubojn de Torino, Napolo kaj Romo, malavare regalintaj dum ĉi vojaĝo niajn fremdulajn stomakojn. Cetere, en ĉiuj tri urboj mi kunportis ankaŭ, montrocele, ekzempleron de la libroforma literatura revuo Beletra Almanako.

Specialan atenton ricevis la koploj de mia nova poemaro Koploj kaj filandroj (2009), ekzemple tiu ĉi pri Nicola Ruggiero:

Sud-italo en Islando  
– kvazaŭŭ driva blok' glacia  
en la Karaiba Maro.

Aŭ:

Afgana talibo diris  
al soldat' el Okcidento:  
vi disponas la horloĝĝojn,  
sed ni disponas la tempon.



Jorge Camacho kun Gian Carlo Fighiera en Torino



En la E-klubo de Torino

De Milano ni trajnis, kun halteto en Bolonjo, al Florenco, kie ni pasigis kvar noktojn, sen kontaktoj kun tieaj esperantuloj (same kiel en Milano). Unu tagon ni ekskursis al Sieno, kaj alian al Pisao, kie mi havis la plezuron unuafoje renkontiĝi persone kun Mauro Nervi, koresponda amiko (paperpoŝte kaj retmesaĝe) jam de sufiĉe multaj jaroj, mia poetofrato! Danke al sia scio de la hispana, Chen povas kompren(et)i ne nur la italan sed ankaŭ esperanton, ekzemple en la klarigoj de Mauro pri la urbo kaj pri la fama kliniĝanta turo. Ĉiel ajn restis ankaŭ intertempoj por ke li kaj mi pritraktu diversajn literaturajn temojn, inter ili la ideon ke pluraj membroj de la ibera grupo venu en 2010 al la itala kongreso en Linjano. Parenteze mi diru ke, en la ĉina, la vortojn Pisao kaj pico oni prononcas same (pi-sa).



Jorge Camacho kun Mauro Nervi

Post Florenco ni trajnis rekte al Napolo, kie refoje ni renkontis por la unua fojo lokan kunpoeton, Nicolino Rossi. Kun li ni vizitis kelkajn vidindaĵojn de la urbo, promenis ĝis la maro por vidi la majeste minacan silueton de Vezuvio vesperkrepuske (kaj tiam mi malkovris, ke ankaŭ Edwin de Kock, kiel mi, kutimas tuŝi intense kaj plenkonscie la oldajn ŝtonojn, por plia "enkapto" de la momento). Koran dankon, Nicolino!



babilanta kun Nicolino Rossi

La sekvan tagon okazis prezento de miaj poemoj en la napola E-klubo: eta rondo (sep homoj entute) sed kun varme amika etoso kiu poste pluis ĉirkaŭ tablo surkovrita de picoj. Unu el la legitaj kaj kundiskutitaj versaĵoj estis la temrilata praformikoj, mia unua dulingva poemo verkita samtempe, paralele, en la hispana kaj esperanto, legebla en la poemaro Saturno (2004):

praformikoj:

tremo, vibro, malhelo, inundo rezina,
laboristoj acide signintaj la tujan danĝeron,
abdomene defendaj la neston, provintaj diskuri
kaj dissavi la larvojn, la pupojn, la ovojn
kaj la malpli maturajn, trairintaj
nur eron de l' perfekta labirinto,
nur la unuan ŝtupon, lastmomente
mankaj je forto, je scio, je tiu
sama sentempa fluo, kiu ŝanĝos
ĉies propran pompejon en juvelon.



En la E-klubo de Napolo

Ja la matenon de tiu sama tago Chen kaj mi dediĉis al vizitado de Pompejo, en agrablege suna vetero (ĝis la fino de la semajno la tagoj restis tiel varmaj ke mi permesis al mi surmeti nur t-ĉemizojn).

Fine, de Napolo la trajno transportis nin refoje norden, al Romo. Romon mi vizitis jam unu fojon pli frue, en 1987, antaŭ 22 jaroj! Kaj nun ne mankis al ni konatoj en la urbo: plia tajvananino, amikino de Chen, edziniĝinta al italo; aŭ iama kolegino de mi en la drogmana aŭ buŝtradukista metio, vizitanta Romon por labori en la pintkunveno de FAO. Merkredo la 18a de novembro estis mia 43a naskiĝtago (fajra ĉevalo laŭ la ĉina zodiako), kaj mi ricevis la imageble plej bonan donacon: Ranieri Clerici gvidis nin plaĉe kaj kompetentege tra temploj kaj aliaj monumentoj (barokaj, renesancaj, gotikaj, romiaj) dum 11 horoj, bonŝance kun ripozigaj kaj nutraj tag- kaj vespermanĝo!

Du tagojn poste, la 20an de novembro, okazis mia tria kaj ĝis nun lasta poemprezento, en la roma E-klubo. Ĉeestis ĉirkaŭ 25 aŭ 30 personoj, kaj foje la kuna debato ŝajnis al mi iom tro teoria (pri metriko, tradukeblo de poezio ktp), sed feliĉe la poezia temo transiris poste, neformale, al picejo en Transtibero, kie kun glasoj da ruĝa vino ni kunfestis ne nur mian ĵus pasintan naskiĝtagon sed ankaŭ tiun de Chen, okazintan ĝuste tiun saman vendredon.

Jen, premiere, unu el la legitaj poemetoj, verkita la 15an de novembro en la trajno survoje al Napolo:

rokon kranian

volvas karno ne maske –

muske

La roman prezenton oni registris kamerae, kaj nun tiun filmon tenas Ranieri. Estus bone publikigi tiajn filmojn en Interreto, ekzemple en Youtube, por ke la energio kaj la enhavo de klubaj vesperoj kaj de l' vizitoj de eksterlandaj gastoj ne perdiĝu kiel efemeraĵo sed restu utila kaj disponebla por esperantanoj de la tuta mondo.

Kaj tiel venis la fino al nia vojaĝo, kun amaso da belaj memoroj… kaj makuleto pro roma sturno de alte surfekinta mian pantolonon!

Jorge Camacho

# Fiaska prelego pri esperanto en madrida universitato

Ĉu vi imagas ke por prelegi pri Esperanto en kurso en universitato, eĉ se nur disvastiga, oni taskas tion al persono kiu konas ĝin nur flanke de historia esploro pri idista marĝenulo? Jes, en la hispaniaj universitatoj tio tute eblas.

Dum la pasinta monato de novembro estis organizita en Madrido la Semajno de la Scienco, kiu celas popularigi sciencon kaj esploradon al la publiko. Ĝi estas sufiĉe sukcesa iniciato, organizita ĉijare naŭafoje, kun multe da publiko en plej variaj aktivaĵoj. Ene de ĝi oni programis ĉijare kurseton dutagan pri artefaritaj, imagaj kaj fantastaj lingvoj. La proponon faris skipo devenanta el la Filologia Fakultato de la Madrida Universitato (Complutense), kaj la Supera Konsilio pri Scienca Esplorado (CSIC) du el la apriore plej prestiĝaj institucioj en Hispanio.

Bedaŭrinde, la prezentado pri Esperanto estis tute fiaska. Por paroli pri Esperanto, ili elektis personon sen reala sperto pri la temo, kies nomo estas Santiago Tovar, kaj kiu nur konas Esperanton sekve al siaj esploroj pri la fondinto de anarkiista komunumo en la 30-aj jaroj, kiu ŝanĝis sian nomon Heinrich Goldberg al Filareto Kavernido, kaj kiu enkondukis Idon en la organizado de la komunumo. Lia figuro estas certe interesa kaj fascina, kaj por lia esploro la preleganto devis koni la bazajn informojn pri Esperanto kaj pri Ido, sed sen vera profundiĝo, kaj kun nur malgranda kono pri la nuna stato de la lingvo kaj de ties komunumo.

Ne estas mirinde do ke lia aliro al nia lingvo estis tute misa, kun fokusigo en la plej utopiecaj sekvantoj, kun konsiderado pri la fiasko de la movado, aŭ emfazo en la negativaj aŭ arbitraj trajtoj. Ne estis grandaj faktaj eraroj, kaj la homo estis sufiĉe simpatia al la baza ideo, kaj neniel malafabla. Sed mi sentis min devigita interveni ĉe la fino por korekti, afable sed firme, la negativan impreson kiun la parolado lasis ĉe la ĉeestintoj.

Jam la antaŭa prelego, farita de unu de la organizantoj, profesoro Eugenio Luján, kiel ĝenerala enkonduko al la konstruitaj lingvoj, kvankam denove ne tute malĝusta, entenis sufiĉe da frivoleco. Ĝi kelkloke celis la facilan ridon, substrekante la antaŭjuĝojn pri artefaritaj lingvoj. Ankaŭ en tiu kazo mi mallonge partoprenis, por substreki la logikon en la klopodoj por kreado de normaj lingvoj, kaj la seriozecon kun kiuj la kreantoj kaj sekvantoj de konstruitaj lingvoj ilin traktis, sendepende de ties postaj rezultoj.

Por ke vi vidu ĝis kiu punkto la prelego pri Esperanto estis eksterreala, en iu momento la parolanto asertis ke ja troviĝas iom da tradukita literaturo en nia lingvo, sed ke apenaŭ ekzistas originalaj verkoj. Bonŝance, mi estis portinta la antaŭ nemulte eldonitan 700-paĝan "Concise Encyclopedia of the Original Literature of Esperanto", de Geoffrey Sutton, kaj simple mi publike montris ĝin.

Ĉiukaze, la prelego ne estis tute senutila por mi. Estas interese aŭskulti la vidpunkton de homo konanta eĉ se nur supraĵe nian lingvon kaj movadon, sed ne partoprenanta ĝin. Kelkaj kritikoj ne estis tute senbazaj, kaj aliaj, eĉ se maljustaj, montras nian bildon en la ekstera klera medio, kaj permesas rafinadon en nia prezentado.

Estas klare ke ni ne havas bonan eksteran bildon. Ŝajnas ke kelkaj homoj emas trovi simple bizara la ideon de la konstruado de lingvo, kaj kontraŭ tio malfacilas lukti. Sed kelkfoje ni sukcesas dissolvi la antaŭjuĝojn. Ĉu tio eblos ĉe la universitataj filologoj hispaniaj?

Toño del Barrio

## Amuziga kaj disvastiga ekskurso



Ĉirkaŭ 20 homoj, el kiuj 8 parolas esperanton partoprenis la 4an de oktobro ekskurson por atingi pinton de monto Abantos ĉe San Lorenzo de El Escorial (Madrid). La aranĝo konatigis ilin kun la internacia lingvo. Ĉeestis homoj el Germanio, Kubo, Belgio kaj Rusio.



## Dolĉamar revenis

La ensemblo Dolĉamar, prezentis sian trian albumon, kun la titolo "trejn tu nouer", kiu imitas "esperantan" prononcon de la anglaj vortoj *train to nowhere*. La grupo trairis grandajn ŝanĝojn, kaj el la antaŭaj membroj nur restis du: la voĉo Patrik Austin kaj la drumisto Hannu Linkola. Al tiuj aliĝis Andrei Dumitrescu kaj Sebastian Dumitrescu. La nova laboraĵo estas sendependa eldono nur por reta elŝuto. Ĝia stilo iom malproksimis de roko kaj esploras novajn eblecojn kun influo de regeo kaj etna muziko. Ankaŭ kelkaj partoj estas kantataj en aliaj lingvoj: angla, hispana kaj franca.

http://www.dolchamar.net

http://www.youtube.com/user/piechjo



# Venonta Hispana Kongreso en Galegio

La 69a Hispana Kongreso, organizota de Hispana Esperanto-Federacio kaj Galega Esperanta Asocio, okazos inter la 2a kaj 5a de julio de 2010 en antikva galega urbo Santiago de Compostela (Santjago de Kompostela), fama ekde mezepoko kiel celo de la Jakoba Vojo.



Provizora programo inkluzivas prelegojn, muzikan koncerton, ekskurson tra la urbo kaj e-diservon en la Katedralo post mallonga pilgrimado. Oni ankaŭ organizos ekskurson al Padrón, al muzeodomo de Rosalia de Kastro, kaj poste ŝipveturadon tra la estuaro Arousa kaj rivero Ulla.

La kongresejo estos "Aula SocioCultural Caixa Galicia". Ĝi troviĝas en strato Carreira do Conde, 18, en la centra parto de la urbo.

Kotizo (vidu aliĝilon) inkluzivas nek loĝadon, nek ekskurson al Padrón kaj ŝipveturadon.

Por aliĝi sendu sekvan aliĝilon retpoŝte al ealvarez@ral.es aŭ per tradicia poŝto al jena adreso: Maria Elvira Alvarez Iglesias Urzaiz, 84 – 2º B. 36204 – VIGO ( Pontevedra).

Ankaŭ eblas pagi surloke, sed vi ne povos profiti la rabaton pro frua aliĝo.

Kelkaj sugestoj por la loĝado:

- Hotel Fonte de San Roque: (www.hotelfontedesanroque.com), tf.: +34 981-554-447/363), unulita ĉambro laŭ situacio ekde 39€ ĝis 51€ po nokto, dulita ĉambro 72,00 €.
- Hotel Bnor: (www.hotelbnor.es), tf.: +34 981 596 911, dulitaj ĉambroj 65 € ĉiu po nokto, oni bezonas antaupagon por rezervi.
- Residencia Castelao: (www.reside nciacastelao.es), tf.: 981 594 125 /615 068 877, du, tri kaj kvar litaj ĉambroj (prezo ne indikita).



Plia informo en www.galegio.org aŭ skribu al lourenzo.vidal(ĉe)gmail.com aŭ ealvarez (ĉe) ral.es

# Aliĝilo por la 69a Hispana Kongreso de Esperanto

2a - 5a julio 2010 Santiago de Compostela , Galegio

Familia nomo ....................................................................................................................

Persona(j) nomo(j) ...........................................................................................................

Vir(in)o .......................... naskiĝdato kaj loko ..............................................................

Adreso..................................................................................................................................

Lando ................................................................ Tel. n-ro ...........................................

Profesio/fako.......................................... ...................Fakso..........................................

Retadreso..................................................................ret-paĝo.....................................

N-to de legitimilo aŭ pasporto.........................................................................................

Kiel vi venos? (aŭte, aviadile, trajne, buse, piede) …......................................................

Mi sendas ci tiun aligilon kaj pagas lau ci suba specifo:

☐Al Caja Madrid konto nome de Mª Elvira Alvarez Iglesias kaj Jose L. Lorenzo Vidal

☐Mi pagos ĉe la kongresa giĉeto

Dato............................................... Subskribo...............................................................

Bv. memori la kotizon

40€ gis la 27a marto

•45€ gis la 28a majo

•50€ gis la 2a julio

Datumoj de bankokonto en CAJA MADRID

Kontonumero: 2038 4006 17 3000318969

IBAN : ES52 2038 4006 1730 0031 8969

SWIFT: BIC: CAHMESMMXXX

# Inscripción o renovación para 2010

Por favor, escriba en mayúsculas. Fotocopie y envíe a la Federación (Dirección en la primera página del Boletín)

Nombre:................................................Apellidos:............................................................
.................................................nº de socio (solo renovaciones).........................................
Dirección: ...........................................................................................Código postal:..........
Localidad: ........................................................................... DNI:................................
.Teléfono particular:................................ Teléfono del trabajo: .........................................
Año de nacimiento:....................Correo electrónico.........................................................

Se recibirá la publicación Boletín (5 números al año), hasta los 12 años Juna Amiko (4 números al año) y entre 13 y 30 años de edad la revista juvenil Kontakto 6 números al año).

Marque con una X la categoría elegida:

- ☐ OM socio ordinario 32,00 €
- ☐ KM socio colectivo 64,00 €
- ☐ PM socio protector 64,00 €

Forma de pago:

- ☐ Domiciliación bancaria (cumplimente y envíenos el impreso adjunto).
- ☐ Ingreso en la cuenta 0182-1252-31-0204.011.961 del banco BBVA (adjunte comprobante).
- ☐ Ingreso en la cuenta hefb-m de Universala Esperanto-Asocio (adjunte comprobante).
- ☐ Pago en efectivo en la oficina de la asociación.

En cumplimiento de la Ley Orgánica 15/99 de 13 de diciembre de Protección de Datos de Carácter Personal, te informamos que tus datos están incorporados en un fichero digital propiedad de la FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO (FEE), cuyo uso es exclusivamente para gestiones internas propias de la FEE, así como para el envío de publicaciones e informaciones relacionadas con el esperanto. Con la firma de este documento, consientes expresamente este uso de tus datos. Te informamos además, que la FEE no cederá estos datos a terceros salvo lo que marque la ley en materia de información a las Administraciones Pública, y que puedes ejercer tus derechos de acceso, rectificación, cancelación y/u oposición, previstos en la citada Ley, dirigiendo un escrito a FEDERACIÓN ESPAÑOLA DE ESPERANTO, Ref.: DATOS, C/ Rodríguez San Pedro, 13, 3º - 7, 28015 Madrid.

Fecha : Firma :

---

DOMICILIACIÓN BANCARIA

Titular: ..........................................................................Banco o Caja........................................
**Dirección de la oficina bancaria**:
Código postal:................................................ Localidad:...................................................................
entidad ................................................................ sucursal.................................................................
D.C. ...................cuenta ...........................................................................................................

Muy señores míos: Les ruego atiendan con cargo a la cuenta arriba indicada los recibos que le sean presentados por la Federación Española de Esperanto en concepto de cuota anual, hasta nueva orden.

Fecha: Firma del titular: